„Mutig vorwärts!“ „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

6a jaro. No. 4 Monata Aprilo 1929

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

Die Rumänische Esperanto-Landesorganisation in Bukarest erhielt folgendes offizielles Schreiben

Verkehrsministerium Nr. 132
Generaldirektion für Post, Telegraph u. Telephon 5. III. 1929
Direktion für den Unterricht — Bucureşti

Mit Bezug auf Ihr Schreiben vom 28. 12. 1928 habe ich die Ehre, Sie zu verständigen, daß der H. Generaldirektor im Prinzipe die Einführung eines Esperanto-Sprachkurses in der Schule PTT und die Anwendung der genannten Sprache gemäß den Erfordernissen des Dienstes genehmigt hat.

Wollen Sie daher einen Delegierten berechtigen, bei der gefertigten Direktion (Zimmer 69 des Postpalais) vorzusprechen und das Einvernehmen zu pflegen betreffs Festsetzung der Unterrichtsmethode und Einführung dieses Kurses in unserer Schule.

Der Direktor für den Unterricht PTT. Pascal Popescu m. p.

---

**Prof. Dr. V. O. Ludwig**
Konservator d. Oesterr. Bundesdenkmalamtes, Bibliothekar des Stiftes Klosterneuburg spricht am 3. Mai l. J., um halb 8 Uhr abends, im I. Wiener Esperanto-Klub, I. Annagasse 5 („Politische Gesellschaft“) über
„Der Verduner Altar“
in deutscher Sprache. Einleitende Worte in Esp.
Gäste willkommen! Eintritt frei!

**Esperantokurs für Ärzte**
beginnt am 7. Mai (6—7 Uhr abends) im Klublokale I. Annag. 5. Anmeldungen bis 3. Mai.
I. Wiener E.-Klub.

Das **österr. Ministerium für Handel und Verkehr** hat auch in diesem Jahre mit Rücksicht auf die guten Erfahrungen, die es mit dem vorjährigen Werbeführer in Esperanto in vielen Ländern, in deren Sprachen keine Fremdenwerbearbeit für Österreich gemacht wurde, zu verzeichnen hatte, einen prächtigen Führer durch Österreich in Esperanto erscheinen lassen, der nicht verfehlen wird, das Ausland auf die Schönheiten unseres Landes aufmerksam zu machen. 10.000 Stück gehen nach allen Teilen der Welt.

Die **Fremdenverkehrskommission der Bundesländer Wien und Niederösterreich** hat einen sehr schönen Führer zum erstenmale in Esperanto in 6000 Stück herausgegeben und damit zum Besuche der Internat. Esperantoveranstaltungen (30. Juli — 2. Aug. d. J.) in Wien eingeladen.

Das **Oesterr. Verkehrsbüro** hat bis nun sein Werbeblatt „4 Tage Wien“ in 3 Sprachen (deutsch, englisch, französisch) in die Welt gesandt. Nun wurde erstmalig Esperanto als vierte Sprache hinzugefügt.

Das **Außenministerium in Estland** beabsichtigt eine bebilderte Schrift über Estland in Druck zu geben.

**Die Budapester Messe** (4.—13. Mai) hat ein sehr schönes, bebildertes Werbeblatt, einen Kalender und Siegelmarken in Esperanto herausgegeben und in alle Welt verschickt. Sie ladet zum Besuch der schönen Donaustadt Budapest, die heuer den 21. Esperanto-Weltkongreß beherbergen wird, ein. Verlanget Werbeblätter bei: Messeamt, Budapest, V. Alkotmány-utca 8.

**Leningrad** (USSR). Der Großsender (1000m) sendet jeden Freitag 23.45 (Ortszeit) Esperanto-Informationsberichte ferner „Durch USSR“ Wochenbericht und Chronik; Samstag um 23·50 eigenes E.-Programm.

**Miß Hispana**, die spanische Schönheitskönigin, ist die Esperantistin Frl. Josefa Samper Bono in Valencia.

## Mortotago de nia Majstro.

La 15. de aprilo jariĝis la tago, kiam unu el la plej bonaj homoj de sia tempo forlasis nian mondon, d-ro L. L. Zamenhof.

Ni honoru lian memoron per aĉetado de E.-libroj!

## D-ro Ernst Kliemke.

Germana Esp.-Asocio perdis per la morto de d-ro Kliemke sian eminentan spiritan gvidanton. Sed ankaŭ la kultura homaro devas funebri pri la poreterna foriro de vere distinga pioniro.

Pri Kliemke, unu el la plej malnovaj esp.-istoj, skribis ĝuste G. E. A. en sia nekrologo: »Por Ernst Kliemke estis E. granda — eĉ pli: sankta afero, por li E. estis servo al la homaro, devo el konvinko.«

Kliemke publikigis multajn artikolojn pri E. kaj sukcesis, iom post iom veki la intereson de la germanregna gazetaro por nia movado. Sed ankaŭ kiel verkisto li ĉiam sin okupis pri kulturaj aferoj Liaj ĉefverkoj estas »Fürsten ohne Krone« (»Princoj sen kronoj«) kaj »Kultur und Sprache« (»Kulturo kaj lingvo«), en kiuj li konsekvence pritraktas la gravecon de Esperanto.

La verko »Princoj sen kronoj« entenas la ideon de kreo de kulturregno laŭ la principo de selekcia sistemo kaj personecidealo.

Jen kelkaj vortoj tradukitaj el ĉi tiu verko:

»Devas veni kaj venos la tempo, en kiu la prudentaj homoj, kiuj ja ĉiam estos en malplimulto, regos super la malprudentuloj kaj ilin devigos servi la kulturon. La nobleco de homoj kreos regnon, staranta super la malnobleco de l' amaso.«

Kliemke jam en ĉi tiu libro mencias la necesecon de Unuiĝintaj Ŝtatoj de Eŭropo, kiun Paneŭropa Unio nun klopodas realigi.

Pri la ideo de kulturregno li diras kvazaŭ kun profeta antaŭsento: »Kion mi vidas kiel lastan celon de mia fondaĵo, tio staras tiel alte super la komencoj, ke mi ne rajtas esperi ĝin mem ĝisvivi.«

Li efektive ne ĝisvivis la realiĝon de siaj grandiozaj kulturproblemoj, sed lia ideo havas esternan valoron, kaj — lia kulturregno venos! D-ro Sós.

## Marianne Hainisch.

Al la 90-a naskiĝtagfesto — la 25. de marto 1929.

Marianne Hainisch, la fondintino de l' aŭstria virina movado, festis la 25. de marto sian 90-an naskiĝtagon. Ŝi estas unu el la plej admirindaj virinoj en la mondo, pionirino, kiu dum la jardekoj de ŝia agado havis diversajn kontraŭulojn, sed neniam personajn malamikojn. La bona sorto donacis al ŝi, krom eminentaj spiritaj kapabloj kaj entuziasmigaj gvidantkvalitoj ankaŭ la animajn elementojn de virineco, bonecon, varmkorecon, homamon kaj helpemon, takton kaj afablecon. Karakteriza por la esenco de Marianne Hainisch, kiu ravigis ĉiun ankaŭ per la ĉarmo de sia aperaĵo, estas, ke ne sekve de ŝia viv- kaj edzeczorgoj, sed el pura altruismo, el plej arda helpemo, ŝi ekkonis la necesecon, malfermi al sia sekso la klerig- kaj profesieblecojn. El ŝiaj, unue la ekonomian memstarecon de l' virino celantaj bataloj pro akcepto de knabinoj en ĉiuj klerigaj institucioj, pro ilia allaso al altlernejoj, pro alirebligo de ĉiuj profesioj, rezultiĝis konsekvence la reprezentataj de ŝi fundamentaj postuloj: la jura egalrajto kaj la ŝtatcivitana egalrajto de virino, la rekono de sama moralo por ambaŭ seksoj. Ŝiaj klopodoj pro egalrajto de virino kulminis en la postulo de reformo de edzecleĝoj. En la batalo pro plibonigo de l' moralo propagandis la ĉiam kuraĝa pionirino la forigon de toleratajn domoj kaj la reglementadon, kiel ankaŭ la kreon de leĝo pro kontraŭbatalo de seksaj malsanoj.

La akiro de ŝtatcivitana egalrajto ne estis la speciala kordeziro de Marianne Hainisch. Sed ŝia akra logiko, ŝia instinktcerta vivpercepto evidentigis al ŝi, ke la »voĉdonrajto estas la rajto, kiu entenas ĉiujn aliajn rajtojn.«

Sed Marianne Hainisch agis ne nur je intereso de virinoj, ŝi vekis ilin ankaŭ al kompreno de iliaj evolueblecoj, por esti al ili, per ŝia ekzemplondona flegado de ĉiuj socialaj kaj moralaj reformideoj, per akcelo de kultura progreso, ilia brilanta idealo. Ŝia kunlaboro ĉe organizo de popolklerigo estas speciala ĉapitro de ŝia agado, same kiel ŝia iniciato al reformo de l' klerigo de knaboj, al venko de ĉiuj tradiciaj edukadŝablonoj. Ŝi zorgis ankaŭ por plibonigo de l' popolsaneco, por vastigo de infan- kaj patrinprotektado. Dum la milito ŝi gvidis grandan virinan helpakcion. post la milito ŝi direktis sian prizorgon al malbone nutrataj infanoj kaj al la plej malfortaj inter la malfortuloj, al la malriĉaj kaj senhelpaj grizuloj. Dum jaroj ŝi disdonis en trablovaj, malvarmaj ejoj vestaĵojn, nutraĵojn kaj aliajn bezonaĵojn, senditajn el la tuta mondo al ŝiaj protektitoj. Ŝi helpis la rapidan prosperadon de la junulara »Ruĝa Kruco«, kies honora prezidantino ŝi estas. Ŝi meritas ankaŭ dankon por la organizo de l' aŭstria patrintago.

Sed ŝia vivverko post venko de grandegaj malhelpoj estas la fondo de »Ligo de Aŭstriaj Virinasocioj« kiel centro de progresemaj virinaj celadoj en Aŭstrio. Kiel multjara prezidantino gvidis Marianne Hainisch la Ligon al altsignifa agado, kaj ankaŭ nuntempe, estante ĝia honora prezidantino, ŝi varme interesiĝas pri ĝiaj laboroj. Dum multaj jaroj ŝi estis vicprezidantino de l' Internacia Virina Ligo, en 1925 ŝi estis elektita honora vicprezidantino.

Marianne Hainisch ĝuis la feliĉon, ke ŝia filo — ŝi havas ankaŭ filinon kaj multajn ge- kaj pragenepojn — estis elektita kiel unua prezidanto de l' juna respubliko Aŭstrio. Sed se ŝi faris la bilancon de sia vivo, nek estas la eksteraj honorigoj, nek la sukcesoj de ŝia agado, kiujn ŝi plej volonte rememoras. Tiom pli la penado kaj celado, al kiuj ŝi dediĉis sian vivon. Kaj pro tiuj penado kaj celado ŝi estas amata kaj estimige dankata de l' aŭstriaj virinoj, ĉi tiuj penado kaj celado garantias al ŝi honoran lokon en la galerio de eminentaj virinoj de ĉiuj tempoj.

Gisela Urban.

## D-ro A. Th. Tluchor-Sonnleitner.

Originala artikolo por Aŭstria Esperantisto de d-rino Liane Smital-Domonkos.

Malofta festo estas, se homo post duonjarcenta laborado — povas freŝa korpe kaj spirite — konstati vastan efikon de sia agado kaj ĝui ĝeneralan simpation kaj ŝatatecon pro ĝi. Tia jubileo donas al ni okazon, prezenti al la esperantistaro eminentan aŭstrianon. D-ro Tluchor-Sonnleitner, egale rimarkinda pedagogo, poeto, filozofo, elpensinto servanta al la suferanta homaro kaj E.-favoranto, 60jariĝis.

Ido de malriĉa fervojlaboristo li devis multe migradi, baldaŭ laborakiri. En 1891 komenciĝis — post finstudado en instruistiga faklernejo — la profesiado de Tluchor en burĝlernejoj en Wien.

Estante kontrolobservanto de Unuiĝo kontraŭ Malriĉiĝo kaj Almozpetado li vidadis en centoj da malriĉulloĝejoj la mizeron, kies kaŭzo estis ofte drinkemo de l' patro. La sorto de gelernejanoj, infektitaj pro kunloĝado kun publikulinoj, ŝiris je lia koro. Sekvis studado en la kliniko de prof. Finger-Wien, la verkado de sekspedagogiaj rakontoj (»La Universalheredanto« kaj »La Grilo«, premiitaj en Higiena Ekspozicio Dresden 1911), fondo de unuiĝoj »Allgemeiner Wiener Jugendhort«, »Gesunde Erziehung«, »Österreichische Gesellschaft für Schulhygiene«, partopreno en lernejhigienaj kongresoj, fondo de »Wiener

Jugendschriften-Prüfungskommission« kaj iniciato de la unua aŭstria reformo kinematografa, por ŝirmi la junularon kontraŭ la influo de fiaj literaturo kaj filmoj. Tiuĉhor aranĝis 1896 la unuan gepatran konferencon en Aŭstrio kaj instalis la unuan »kvaran« klason de burĝlernejo en Wien.

Lia ĉefa verko, la trivoluma majstroromano »Die Höhlenkinder» (»La Kaverninfanoj«), projekcias la grandiozan spiritan evoluon de la homaro, la perlaboradon de civilizo kaj kulturo al la kadro de unu vivo familia kaj – estis eldonata dum 10 jaroj 37 foje. Nun ĝi estas tradukata en Esperanton laŭ deziro de l' aŭtoro mem. Tiun verkon sekvis la aŭtobiografia romano »Koja«, volumetoj da hejmgeografia, teknologia kaj eduka legaĵoj, »Der Zwerg am Steuer« (»La etulo-direktilisto«) kaj »Dr. Robin Sohn« (vortludo »Robinson«, »Filo Robin«).

Senhalte li produktadas, verkas. 55jara li akiris doktoran diplomon!

Vere riĉmezure doktoro Sonnleitner (»Sundeklivano«, lia pseŭdonimo, devenas de sia hejmo, kiu staras ĉe Perchtoldsdorf sur »Sonnleiten«, t. e. »Sundeklivo«) repagas al la homaro, kion li estante malriĉa studenteto ricevis je amo kaj bono de bonfaremaj instruistoj kaj amikoj.

La 22. aprilo je la 18. h. kunvenos en la ĉambrego de Lehrerhaus, Wien, VIII. Josefsgasse liaj amikoj kaj legantoj, por gratuli je lia 60-a naskiĝfesto. Dum tiu soleno estos ankaŭ transdonata manuskripte al la jubileanto la E.-tradukaĵo supre menciita. Eniro senpaga.

E.-istoj kiel gastoj volonte akceptataj!

### Jubileo.

La 9-an de aprilo festis la E.-rondo »Virina Sekcio« la 20-an datrevenon de sia fondiĝo kiel filina grupo de Unua Esperanto-Unuiĝo en Wien, kies prez. ĉefinspektoro H. Steiner persone gratulis en la nomo de la Unuiĝo kaj en la nomo de Aŭstria Esperanto-Asocio.

Eksterordinara soleno distingis la feston precipe pro tio, ke ĝi havis lokon en la sama belega hejmeca ejo, kie Virina-Sekcio depost la fondiĝo regule kunvenante travivis neforgeseble belajn horojn en serioza laboro kaj ankaŭ en gaja refreŝiganta amuzado. Tiu ĉarma ejo estas la hejmo de la fondintino kaj detiama prezidantino de la grupo fraŭlino Karola Mayrleb, kiu helpite de ŝia same nobla estiminda fratino Herminjo oferema laboradas en vere Zamenhofa idealismo kaj modesteco por nia afero.

Okaze de la jubilea festo la dankemaj membroj de la rondo honoris sian amatan, meritplenan prezidantinon per diplomo enhavanta la versojn:

Dum du jardekoj estis Vi
Gvidanta nian rondon
En tutanima harmoni'
Malgrandan koran mondon.
Kun Vi en am' la fratinet'
Malfermis hejman pordon
Kaj al fidela societ'
Enspiris la konkordon.
Senlace semis en fervor'
Vi multvaloran grenon
Pro sankta cel'. Kaj ni en ĥor'
Petegas Dian benon.

Por Vi kaj ni Virin' Sekcianaro
Benita estu tiu dudekobla jaro!

### XIV. Int. Kongreso de katol. esp.-istoj en Praha (11.–15. aŭg. 1929).

Protektoro: Lia Episkopa Moŝto, d-ro Jan Sedlák en Praha.

Kotizo sv. Fr. 5.–, por personoj, kiuj ne povas ĉeesti, »helpkongreskarto« sv. Fr. 2.–.

Ĉiuj partoprenontoj bonvolu sin anonci ĉe Kat. Unuiĝo E., Wien, I. Freyung 6, por ĝui la rabatojn ĉe komuna veturado (25 % en Aŭstrio, 50 % en Ĉeĥoslovakujo).

---

### Esperànto-original-stenografio.

Trarigardu la aldonitan provofolion.

La libro estas mendebla ĉe nia gazeto AE je la prezo de Ŝ 2.50 afrankite.

## Internacia Esperanto-Muzeo.

**Protektoro:**

Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, Wilhelm Miklas.

Leteradreso: Wien, I. Annagasse 5.

Alvenis jena kortuŝa letero, kiu montras fratamon kaj ĝojegon pri progreso de Esperanto.

Al samideano Steiner, prezidanto de Int. Esp.-Muzeo en Wien kaj al ĉiuj gesamideanoj Wien-aj! Karaj gesamideanoj!

Ni membroj de la Kievaj Esp.-Rondetoj sendas al vi koregan fratsaluton okaze de la estonta Malfermo de Int. E.-Muzeo en via urbo.

Vivu Internacia Esperanto-Muzeo!

Vivu internacia lingvo Esperanto!

Vivu niaj Wien-aj gefratoj!

Gvidanto de la E.-Rondetoj en Kievo ka redakt. de la Kiev-a Esp.-Radio-Bulteno.

D. Viktorov-Ĉeĥeviĉ.

Sekvas la subskriboj de la membroj.

Elkore ni dankas kaj esperas baldaŭ ricevi la materialon por IEMW, kiun sendos la grupoj al ni.

*

Sendu ĉiu el vi materialon kaj instigu viajn konatojn al sama agado.

Ne hezitu, se vi ne volas malhelpi vian propran aferon — la propagandon por nia Esperanto.

Por Loka Kuratora Komitato:
Steiner, prez.

## „Antaŭkongreso al la XXI-a" kun „Malfermo de Intern. Esperanto-Muzeo en Wien".

Wien, 30. julio—2. aŭgusto 1929.

Leteradreso: Wien, I. Annagasse 5.

**Protektoro:**

Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio Wilhelm Miklas.

La tempon por la aranĝoj ni devis ŝanĝi, ĉar la ŝipo sur Danubo ne veturas la 1. de aŭgusto sed nur la 2. Tio ne malhelpos la ĝustan alvenon en Budapest, kie la 2. aŭg. post alveno de la ŝipo estos salutvespero kaj vi ŝparos la monon por la tago antaŭ komenco de la kongreso. Ni per tiu ŝanĝo ankaŭ cedetis al la deziro de partoprenontoj.

## Granda novaĵo.

**Simpligita transpago de mono al Aŭstrio por la partoprenontoj de XXI-a Esperanto-Kongreso.**

Aŭstria Poŝtŝparkaso, kiu krom la ŝpar- kaj ĉekonegocoj speciale zorgas pri la transpagnegoco kun aliaj landoj, deklaris sin preta, aranĝi por la partoprenontoj de XXI-a la transpagon de la por la restado en Aŭstrio necesaj monsumoj kaj de la kongreskotizoj en speciale simpligita maniero.

La partoprenontoj transpagas laŭvolan sumon, sed ne pli ol 700 Dolarojn aŭ 5000 Ŝilingojn en la valuto da sia lando sur ĉeka konto **n-ro 4 »Esperanto«** ĉe Österreichische Postsparkassa (aŭstria poŝtŝparkaso). La transpago povas okazi helpe de alilanda banko, el alilanda poŝtĉekkonto, per letero kun deklarita valoro aŭ per poŝtmandato. Ĉe la transpago oni citu krom la precizaj nomo kaj adreso de la enpaganto ankaŭ la numeron de l' pasporto, per kiu la enpaginto legitimos sin en Wien ĉe la maldepono de la sumo, kaj la estraron, kiu eldonis la pasporton. Por eviti erarojn ankaŭ aldono de naskiĝdatoj estas rekomendinda.

Aŭstria poŝtŝparkaso transkalkulos la ricevitan sumon je la momenta valoro en Ŝilingojn, kreditos ĝin sur deponkonto, pagos procentojn kaj pretigos la sumon je maldepono flanke de l' enpaginto ekde 20. julio 1929. La maldeponado okazos ĉe speciale por ĉi tiu celo instalota giĉeto en poŝtŝparkaso, Wien, I. Georg Cochplatz 3 kontraŭ montro de l' pasporto kaj transdono de kvitanco pri farita enpago (poŝtenpagilo, bankkvitanco ktp.)

La saman procedon vi uzu por enpagi la kongreskotizon, sed sur »ĉekkonto D 123.826 Aŭstria Esperantisto«.

Poŝtŝparkaso invitas la kongresanojn, uzi plejmulte ĉi tiun bonŝancan transpagmanieron, kiu krom la avantaĝoj de kreditletero ankoraŭ donos renton al vi.

**Kotizo:** Aŭ. Ŝ 7.— aŭ egalvaloro.

**Programo:**

**30.** de julio 1929:

Alveno en Wien vespere per ŝipo aŭ fervojo. Kongresejo ankoraŭ sciigota. Salutvespero: Rathauskeller, I. Rathaus (Urbdomo) je la 8 h vesp. (komuna vespermanĝo, bona vina kaj biero).

**31.** de julio:

9 h gvidado tra Malnova Wien en grupoj (TEKA-anoj havos dum: Solenan Kunsidon en la klubejoj de I. Esp.-Unuiĝo en Wien, I., Annagasse 5).

13 h tagmanĝo en grupoj.

14 h per tramo aŭ aŭtoĉaro al Kahlenberg (bela rigardo al Wien, bona kafo), promenado al Schloß Kobenzl kaj

19·30 h al »Heuriger« Hengl (komuna vespermanĝo kun »Schrammel«-muziko, komikisto kaj bona vino).

**1.** de aŭgusto:

8.30 h Diverso en Minoritenpreĝejo, aranĝota de Katolika Unuiĝo Esp. en Wien.

10 h akcepto en »Rathaus« flanke de l' urbestro, fotografado antaŭ Urba Domo.

11 h akceptoj, ankoraŭ sciigotaj.

12 h Malfermo de Int. E.-Muzeo.

13·30 h tagmanĝo en grupoj.

14·45 h veturo per tramo al Schönbrunn.

19 h komuna vespermanĝo en »Ottakringerbräu« en Hietzing.

**2.** de aŭgusto:

8 h matene per ŝipo al Budapest, alveno tie je la 8 h vespere.

**Antaŭpagota biletaro** enhavos kuponojn por: Loĝigo (A. Unuaranga hotelo 21—24 Ŝ, B. 12—15, C. unulita 9—10 kaj plurlita po lito 7 Ŝ, sed ĉiuj kun fluanta akvo kaj kun matenmanĝo kaj trinkmono, D. 4·50 Ŝ en plurlitaj ĉambroj sen matenmanĝo. Privata 4 Ŝ sen matenmanĝo), Vespermanĝo en »Rathauskeller« (supo, porka kotleto kun salato, pano inkl. trinkmono Ŝ 2·50), Vespermanĝo ĉe »Heuriger« (Porkaĵo, bovidaĵo aŭ bovaĵo laŭ elekto kun salato aŭ legomo, pano inkl. depago por muziko kaj trinkmono 3·50 Ŝ), Vespermanĝo en »Ottakringerbräu« (supo, rostaĵo laŭ elekto, salato aŭ legomo, pano, inkl. trinkmono 2·50 Ŝ), tagmanĝo (laŭ diversaj prezoj 1·50, 1·80, 2·10, 2·50: supo, rostaĵo, legomo, farunaĵo. pano inkl. trinkmono, vegetara je 1·80). Mendu tuj kion vi volas partopreni. Ĉambroj en la lasta momento eble ne estos haveblaj, ĉar Antaŭkongreso okazos dum la ĉefvojaĝsezono. Alkalkulu 80 gr. por afranko de »Biletaro« en registrita letero. Post alveno de l'mono ni tuj sendos Biletaron.

**Kastelo Schönbrunn:** La enirprezoj por la kastelo (1 Ŝ), menaĝerio (1 Ŝ), palmojdomego (60 gr.) estos rabatataj je 50 %.

**Membrokarto** aldonita por la pagintoj. Kiu ne ricevis informu nin.

**Aliĝis ĝis nun:**

70. Oster J. S., Exemouth, Anglujo
71. Boettcher Frieda, Habelschwerdt
72. Heeber d-ro Wilh., kort.-kons., Wien
73. Taussig Alexander, mag. farm., Wien
74. Jung Teo, eldonisto, Köln
75. Hamann Fred. A., instr., Wauwatosa, USA
76. Hamann Anna F., instr.-ino „
77. Hamann Elsa, stud.-ino „
78. Turk Josef, ofic., Graz
79. Burghardt Annal., Falkenstein i. Vgtl.
80. Tarnow P., Galkhausen b. Langenfeld
81. Smith E. Baldwin, f-ino, Barry, Britujo
82. Pollhammer Josef, ferv., Salzburg
83. Wardein Josef, kond., Wien
84. Hovorka D-ro Oskar, kur., Wien
85. Pankalla Eduard, Breslau
86. Burger Rudolf, Wien
87. Berghoff D-ro Emanuel, dentkur., Wien
88. Dietl D-ro Wilh., ĉefŝtabkur. e. p., Graz
89. May Johannes, poŝtejestro, Sulzbach Saar
90. Haenen H., Heerlen, Nederlando
91. Schatzl Ferd., reg.-kons., Korneuburg
92. Baumgartner Marg., f-ino, Bern
93. Onnen M. F., inĝ., Hago
94. Le Brun, Paul Charles, dir., London
95. Le Brunn, Gertrude Marie, London

Por Prepara Komitato:

Hovorka, sekr. Steiner, prez.

## Alvoko al TEKA-anoj.

En la nuna jaro okazos la unuan fojon speciala **Konferenco de TEKA-anoj en WIEN** dum »Antaŭkongreso«.

Dank' al kunlaboro de la Antaŭkongresa Komitato en Wien TEKA-anoj profitos de ĉiuj aranĝoj, preparataj de tiu Komitato (Solena malfermo de Internacia Esperanto-Muzeo, vizitado de la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj, komuna tagmanĝo).

La TEKA-anoj kunvenos la **31. de**

julio en solena kunsido kaj, se necese, la sekvantan tagon.

La TEKA-Estraro invitas kore ĉiujn kolegojn al partopreno en tiu por nia movado grava konferenco.

Speciala kotizo por TEKA ne estas necesa, sufiĉas aliĝi al **Wien-a Antaŭkongreso** (Unu Dolaro).

Adreso: Wien, I. Annag. 5, (Aŭstrio).

Komitatano de TEKA D-ro E. Sós (Wien) Prov. Prezid. de TEKA D-ro W. Robin (Warszawa)

☆

**Postkongreso en Praha.**

Esp.-Klubo en Praha, I. Perŝtyne 11 invitas al postkongresa vojaĝo Budapest — Brno — Praha. Rabato sur ĉeĥoslovakaj fervojoj. Interesuloj skribu pro informo al la Klubo.

## 21-a Univ.-Kongreso de Esp.

**5-a Somera Universitato.**

Budapest, 2.—9. aŭgusto 1929.

Kotizo: Ŝ 35.—

Adreso: Esperanto-Kongreso, Budapest.

**Provizora programo:**

2. aŭg. Interkonatiĝa vespero.
3. „ Mat.: Malfermo de la Somera Universitato. Vesp.: Solena malfermo de la Kongreso.
4. „ Ptgm.: Koncerto de la blinduloj, Vesp.: Kostumbalo kun ciganmuziko.
5. „ Mat.: Giesswein-memorfesto. Vesp.: Hungara artvespero. (Prezentado de kantoj en Esperanto, muziko kaj danco.)
6. „ Tuttaga ŝipekskurso al Visegrad (aparte pagota.)
7. „ Vesp.: Teatra prezentado: Unuaktaj originala dramo de J. Baghy, vilaĝa idilio (muzika) kaj burleskaĵo.
8. „ Vesp.: Koncerto sur Margaretinsulo.
9. „ Fermo de la Kongreso.

Pri la belecoj de Budapest ni raportos en aparta artikolo en majo.

## Salzburg, la urbo de »Festludoj«.



Salzburg, (40.000 enloĝantoj sen antaŭurboj) dankas sian famon al sia arkitektura kaj pejzaĝa beleco kaj al la multe ŝatata situo meze en ekskursregiono riĉa je naturbelaĵoj.

Unikaĵo de Salzburg: Meze en la urbo du arbarriĉaj montoj kun bela perspektivo, Kapuziner- kaj Mönchsberg.

Vindindaĵoj sur la maldekstra bordo de Salzach: Mönchsberg, naskiĝdomo de Mozart kun Mozart-muzeo, abatejo St. Peter (preĝejo, tombejo, katakomboj ktp.), Franziskaner-preĝejo, Urba Muzeo, katedralo (1628), abatejo Nonnberg (la plej malnova monaĥinejo) kun trezorejo, sur la dekstra bordo: Kapuzinerberg kun monaĥejo, proksime »Sorĉflutodometo« de Mozart, bela rigardo al la urbo de sur la iama fortikaĵo Hohensalzburg (plej potenca citadelo en germanaj landoj, 1077), Sebastian-preĝejo kun tomba monumento de fama kuracisto Theophrastus Paracelsus kaj de l' patro kaj vidvino de Mozart, maŭzoleo de princĉef-episkopo Wolf Dietrich.

Krome Mirabellschloß (kastelo, 1605) kun vidinda ŝtuparo el marmoro, Mirabellgarten (ĝardeno, 1685—1709) kun statuoj kaj urba birdokaĝego, rezidejo en sia nuna formo depost 1596, la plej malnovaj partoj el 1110, kontraŭe la sidejo de landa registaro kun muzika sonorilaro sur la turo, instalita 1702, Hofbrunnen (puto) el 1658—1661.

La famaj festludoj (4.—30. aŭg.). Oni prezentados »Fidelio«, »Don Juan«, »Der Rosenkavalier«, »Jedermann« kaj koncertojn.

Estas malfacile priskribi ĝuste niajn belajn urbojn kaj regionojn. Ĉiu havas sian apartan ĉarmon, sian originalecon. Oni devas viziti kaj vidi ilin, la kutimojn de siaj enloĝantoj kaj ĝui la gastamecon de la samideanoj, kiuj faros ĉion eblan por bone gastigi vin!

Kompreneble ankaŭ en Salzburg, kie vi ankaŭ ricevos rabaton ĉe Festludoj!

## Pri la esplorado de la kuŝejoj de subteraj mineraloj.

Parolado germanlingva kun esperantlingva antaŭparolo de kortega konsilanto d-ro inĝ. Richard Schumann, (Tekn. Altlernejo-Wien) en Unua Esperanto-Unuiĝo en Wien.

*Unu el la paroladoj laŭ la* vintra programo de Unua Esperanto-Unuiĝo en Wien estis ĉi tiu de kortega konsilanto d-ro Schumann, kiu helpe de lumbildoj disvolvis sian tre interesan temon.

La intereso al »esplorado« de kuŝejoj de oleoj, gazoj, mineraloj, sur- kaj subteraj, pligrandiĝis dum la mondmilito kaj poste. La memkomprenebla celo estas: intensigita akiro de valoraĵoj. —

Diversaj metodoj utilas al tio:

1-e) Sur la supraĵo de la esplorenda teritorio estas mezurataj la magnetaj elementoj (intenso, direkto, kliniĝo), notinte tion en karton, oni eventuale ekkonas la lokojn, kie profunde kuŝas la magnetaj substancoj. Tiamaniere en Kursk (Rusio) estas malkovrita minaĵkuŝejo 250 km longa kaj 6 – 10 km larĝa.

2-e) Sammaniere elektromagnetaj fluoj, kondukite per generatoro en la teron, indikas subterajn kondukilojn (feron, nikelon, minaĵojn) aŭ malkondukilojn (oleajn tavolojn). Per tio ampleksaj kuŝejoj de ferminaĵoj estas malkovritaj antaŭ kelkaj jaroj en Svedujo.

3-e) Kaŭzinte per faligado de peza globo aŭ per eksplodoj ondojn sur la supraĵo, oni povas ekkoni el la malsama kurrapideco de l' ondoj en diversaj tavoloj ties situacion kaj limojn. Tiaj mezuradoj okazis antaŭ 5 jaroj en la ĉirkaŭaĵo de Waschberg norde de Stockerau.

4-e) La subteraj amasoj, laŭ ilia karakteriza pezo aukaŭ subtere influas la gravitacion, pezaj ĝin pligrandigante, malpezaj ĝin malpligrandigante, tiel ke oscilanta pendolo pli aŭ malpli rapide svingiĝas, La genia hungara fizikisto Eötvös konstruis laŭ tiu principo tornpesilon, unu el la plej valoroj aparatoj de la pli alta geodezio, kiu montras la konturojn de tiuj teritorioj, kie sube kuŝas pli aŭ malpli pezaj amasoj.

5-e) Ĉe la »fontoserĉado« la »fontoserĉisto« mem estas la influata instrumento, sed viva estaĵo ne tiel fidinda reagas,

Nuntempe estas plivastigata la apliko de 1.) la tornpezilo, 2.) elektraj ondoj. La Oil-Corporations, la societoj por ekspluatado ktp. uzas proksimume ducent tornpezilojn, ĉefe en Texas, Mexiko, Mezopotamio.

Antaŭ la multekosta ekborado oni do sisteme esploru sur la surfaco la teritorion laŭ unu aŭ pluraj, el la supre menciitaj metodoj. Kaj nur post tio oni komencu la boradon, por eviti vanajn penadojn, sed ankaŭ grundspekulaciaĉojn.

*

La interesegan paroladon ĉeestis s-ro d-ro Wilhelm, reprezentanto de landestro d-ro Buresch, plue kortegaj konsilantoj d-ro Heeber, Wollmann ktp.

Hovorka.

---

## »Wien kaj Malsupra Aŭstrio.«

»Komisiono por fremdulfrekvento de la liglandoj Wien kaj Niederösterreich« eldonis sub la citita titolo belan varbkajereton (eldonkvanto 6000) en neordinara formato kun multaj belaj bildoj. La enhavo estas tre interesa kaj valora por ĉiu, kiu intencas partopreni »Antaŭkongreson« kaj »Malfermon de IEMW«. Al tiuj samideanoj unuavice la belega eldonaĵo estas dediĉita de la Komisiono, al kiu ni ĉi tie publike dankas.

La antaŭ nelonge mortinta direktoro Kronfeld kune kun s-ro Oberamtsrat d-ro Ziegler akceptis la proponon de s-ro H. Steiner, eldoni la belegan varbilon ankaŭ en E. Ili meritas nian dankon krome s-roj Lenarz kaj red. Weiss, kiuj helpis la eldonadon.

Alilandanoj petu la kajereton de »Antaŭkongreso«, Wien, I. Annagasse 5.

## Radio-prezentaĵo en preĝejo.

En la paroĥa preĝejo Kindberg-Stirio (Rosegger-regiono!) la paroĥestro igis je la antaŭpaska vendredo prezenti parton de la Ravag-programo per laŭtparolilo instalita super la altaro. Oni aŭskultis jenajn programerojn: »Funebra inter-parolado de Kristo sur la kruco«, »Stabat mater« (Schubert), »La sep lastaj vortoj de la Savinto« (Haydn). — La paroĥo en Kindberg estis do la unua en Aŭstrio, kiu adaptiĝis al tiu novaĵo. En Ameriko jam delonge laŭtparoliloj estas uzataj en preĝejoj, eĉ jam okazis, ke malsana paroĥestro paroladis dimanĉan predikon hejme antaŭ mikrofono kaj tiel per laŭtparolilo en sia preĝejo al la kreduloj.

Laŭ la ĵurnalo »Der Tag«, 10. apr. 29, pĝ. 7.

**Mondjunularo Katolika** (MOKA)

MOKA havas membrojn en 5o landoj en ĉiuj kontinentoj kaj uzas E.-on kiel oficialan internacian lingvon. Fondita 1919, protektoro Gustav Karl grafo Majlath, episkopo de Transilvanio. Reprez. por Aŭstrio: E. Görlich, Wien, III. Messenhauserg. 4/2.

Ĝia intern. organo »La Juna Batalanto« estis antaŭe aldono al Katolika Mondo, sed nun komencante sian kvaran jaron ĝi aperas en sia propra eldonejo (Eldona Kooperativo La Juna Batalanto, Hellweg 34, Werl. i. W., Germ.) Redaktoro estas W. Solzbacher, bone konata en la Tutmonda junulara, katolika movado.

**Gravaĵoj.**

Germana E.-Unuiĝo **»Verda Stelo« en Praha** festis la 24. marto sian 20-jaran ekziston. Gratulon al ĝi kaj ties prez. nia pioniro d-ro Bischitzki.

La **Ministerio por Eksteraj Aferoj** de Estonio deziras eldoni ilustritan broŝuron pri Estonio. Instigu al tuja eldonado per mendo de la senpaga broŝuro de Ministerio por Eksteraj Aferoj, Talinn, Estonio.

**Radio-stacio Kiew** (ondlongo 899, 1) disaŭdigas ĉiumarde de la 18 h — 18·30 h (Moskva tempo) laŭ instigo de E.-Konsultejo ĉe kleriga fako de Kieva Distrikta Intersindikata Komitato »Esp.-Bultenon«. Ĝin redaktas kaj prelegas D. Viktorov-Ĉeĥoviĉ, kiu petas, ke oni skribu pri aŭdeblo al: USSR., Kiev, Korolenko-str. 3, »Dvorec Truda«, komn. 125, Radio-Bjuro, por Esperanto Bulteno«.

El **Radio-stacio Uddevalla** estas disaŭdigata ĉiu vendrede E.-kurso de 22·10.—22·40. Sendu raporton pri aŭdebleco al Radio — föreningen — Uddevalla, Svedujo.

**14-a Itala Kongreso de E.** okazos 28.—30. julio en Udine, kies E.-grupo (Via Beato O. da Pordenone) aranĝas ĝin kaj petas alsendon de materialo por ekspozicio. Eldonitaj sigelmarkoj trikoloraj (2 specoj) kostas 3 L. po 100. Kongreskotizo: 25 L. Ni esperu, ke la **kongresanoj partoprenos la solenon de »Malfermo de Int. E.-Muzeo«** (1. VIII.) **en Wien.**

**2-a Kongreso de Federacio de Norda Francujo** okazos 16. junio. Adr.: C. Naoumoff, 127 rue de Lille, Valenciennes.

**Printempa Foiro de Frankfurt a. M.** (14.—17. IV.) kun speciala ekspozicio »Elementoj de l'nova konstrumaniero« kaj »Intern. Ekspozicio pri Nutrado kaj Ĝuaĵoj« dissendis tre interesan varbkajeron kun belaj bildoj en E.

**Graz:** Raportis Graz-a Tagblatt, -Tagespost, -Volksblatt, -Zeitung (oficiala).

**Linz:** Raportis pri E. Ob.-Öst. Tageszeitung, Tagespost kaj Linzer Volksblatt.

**Ried:** »Rieder Volkszeitung«, longa artikolo de Jungschaffer.

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Wien, I., Annagasse 5

**Festprezentado**

dimanĉe, la 28. aprilo, je la 7 h, en Immakulata-Salonego, Calasantinum, Wien, XV. Dingelstedtgasse 9.

Venu gastoj! Ĉeesto senpaga!

Pliiĝas la inaro en la esp.-istaro!

Post familio Foltanek la 8. II. familio d-ro Halbedel-Graz kaj la 19. III. familio Smital-Domonkos-Wien pliĝis po unu ineto.

Ni kore gratulas!

Mortis post longa malsaneco la 26. 3. unu el la plej malnovaj grupanoj S-ro Johann Klobucar, grupestro dum kelkaj jaroj antaŭ la milito. Ni ĉiam dankeme memoros pri tiu fervora samideano. Graz-a Loka Grupo.

---

**Braunau:** La 4. aprilo parolis s-ro Heiskov el Hellerup (Danujo) pri »Danujo, lando kaj popolo«. Distriktestro barono Hans Hammerstein interesiĝas pri E.

**Graz: Esp.-Soc. por Stirio.** — Adreso Graz, Schönaugasse 6. — 20. 3. Estrarkunsido. Ne povante per delegito partopreni la germanan Esp.-Kongreson en Frankfurt a/Main, la societo transdonas sian voĉdonrajton al germanuja partoprenanto. La estraro akceptas privatan proponon partopreni komunan propagandon de ĉiuj Graz-aj E.-societoj okaze de la nov-elektoj por la urbkonsilantaro.

**Graz: — Loka Grupo.** Kunvenoj ĉiuĵaŭde 20 h. 21. 2. Anekdota vespero, 28. 2. Ekzercado, 2. ĝis 3. 3. Balo en la klubejo, 7. 3. Monatkunveno. AEA-prez. s-ro Steiner raportas pri la kontentiga stato de la laboroj por Antaŭkongreso kaj Malfermo de Internacia E.-Muzeo en Wien, 14. 3. Ekzercado, 28. 3. Prelego el Faŭsto kaj Hermano kaj Doroteo. - Programo: 11. 4. Zamenhoffesteto, 17. 4. Estrarkunsido, 18. 4. Parolado, prelego, 25. 4., 9. 5. Ekzercado, 2. 5. Monatkunveno: raporto pri movado.

**Goisern:** S-ro Jaksch gvidas kurson en »Stephaneum«.

**Hainfeld** aliĝis al AEA.

**Innsbruck: Klubo-Esp.:** Paroladoj 13. III. »La provoj krei lingvon tutmondan antaŭ la apero de E.« (Kühbacher), 27. »Lingvo tutmonda E.« (Welkoff). La 29. parolis H. Bederlunger mj. pri E. ĉe »Genfer-Verband« (Internacia ligo de hotelservistaro). La 2. IV. komenciĝis kurso (20. partopren.), gvidanto: Kühbacher. Post vana klopodo ricevi kursejon en publika lernejo, s-ano Bederlunger mj. disponigis tian en sia domo. Kühbacher.

**Korneuburg:** Ĝenerala kunveno la 11. IV. Elektitaj Steiner-prez., reg. kons. Schatzl-vicprez., Specht kaj f-ino Müllner-sekr., Luegmayer kaj f-ino Posselt-kas., d-ro Altrichter-bibliot., Einfeld kaj Steiner j.-revizoroj.

**Linz:** La ekzemplon de E.-Societo p. Stirio sekvis Supra-Aŭstria E.-Societo. Ĝi eldonas kaj dissendas en la tutan liglandon »Informilon«, bonege redaktatan kaj per tio multe helpas la progresigon de E.-movado. Imitu ilin la aliaj liglandoj! Ni kore gratulas. AEA.

**Linz:** S-ro Heiskov el Hellerup parolis la 5. IV. en nia grupo.

**Neustift bei Grosraming:** Malgranda vilaĝo, sed kurso por plenkreskuloj kaj en lernejo, gvid. instr. Primetzhofer.

**Ried:** Depost oktobro kurso en ia 3. klaso de ĉeflernejo, kiun gvidas fakinstruisto Jungschaffer. La 16. III. okazis finfesto de E.-kurso Jungschaffer kun kantoj kaj paroladoj. Ĉeestis 40 pers. Fino frumatene.

**Salzburg:** S-ro Heiskov parolis pri Danujo kun lumbildoj.

**Schalchen** (Supra Aŭstrio): Dancamuzaĵo de la esp.-istoj kun belecokonkurso okazis la 6. IV.

**Waizenkirchen:** S-ro Schmutzhart vigle propagandas.



## Ciferenigmo.

K. Haager.

6, 8, 15, 6, 4, 1, 7, 16, 10 — 6, 8, 16, 1, 8 — 7, 6 — 8 10, 14, 6 — 14, 13, 7, 12, 11, 10 — 8, 6, 2 — 12, 4, 1, 11, 1 — 8, 10, 9, 13, 1 — 15, 4, 10, 5, 14, 6, 3, 10

**Ŝlosilo:**

1, 7, 16, 11, 6, 4, 15, 6, 7 = kongresloko
3, 10, 7, 16, 5, 14, 1, 7, 9 = montego en la Alpoj
8, 16, 13, 4, 13, 10 = liglando de l'aŭstria respubliko
12, 10, 12, 10, 14 = aŭtoro de teatraĵo, trad. de Zamenhof
3, 1, 4, 2, 10 = tagnomo

La ĝusta solvo nomas eldiron de Zamenhof.

**Solvojn sendu ĝis** 30. aprilo, 3 **pers. ricevos premiojn.**

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunv.) »Pastete«, Sporg. 28, Do (ĵ) 20—23 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Mittwoch (me) 20—22 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof »Grüner Baum«, Museumstraße. Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 17·30—19·30 h.

I. Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Annagasse 5, I-a et., klubejoj de »Politische Gesellschaft«, Fr. (v.) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, IV., Schäffergasse 3, Mi (me) de 19 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.
Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (l) 19—23 h.
Esp.-societo »Fideleco«, Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16—19 h.

## Rekomendindaj firmoj.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.

Gemischtwaren = Diversajoj:
Alois Cisar, Bisambergstr. 21.

**Kaltenleutgeben.**

Peter Pich, komercisto, Hauptstraße 61.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Franz Reifmüller, Wien, I. Johannesgasse 6